# PENSEO

N-ro 266

dec. / 2013

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 24-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### akvo kaj matematiko

ĉu akvo kaj matematiko povas ja konservi
nenion alian ol neŭtrecon
nur rifuĝante
en alian stelon ol la tero?



### atendo de murdo

pluvo senĉesa miajn vortojn malsekigis.
humida humoro esprimiĝas nur per ondoj.
hidrocefalo min doloras kvazaŭ kugloj en
vaskuloj.
venu murdistino kaj la kapon ŝvelantan
fortranĉu!



### fruaŭtune

verdaj fruktoj estas jam plukitaj de avidaj
manoj.
la trunko nemovebla faras ne alion ol
tremadon.
rabistoj flugas for laŭ lumaj reloj el aŭtlampoj.
folioj sopiraj per vento la ombron postkuras.



### bovinoj

bovinoj manĝas nur herbojn
ne por religio aŭ ripari siajn pekojn.
naskado ja rezultas el naturo sed ekster
volupto.
melkemajn homojn ili per la lakto ĉefe nutras.



## Paŭlo Silas (Brazilo)



### ELVENSI LA NOVON, ELVENSI LA MALBONON

Redaktistoj ree redaktas runojn,
Komprenigas eĉ prahoman skribaĵon
surŝtonan.
La gazetoj suĉas sekegajn ulnojn,

Sovaĝiĝis pro la teknologi’ kirloŝtorma.

Komputil’ alfrontas la paperajn aĵojn.
Distordiĝojn de l’ malnovo primokas retpaĝoj.
Nun senpage ni tralegas novaĵon enretan.
Ĵus aperis nova retumil’ perfekta.

Li kopias blogon kaj algluas ĝin.
Por aĉeti la maŝinon: vendu renon.
Se li povus ankaŭ interŝanĝi sinon...

Jen produtoj, jen informoj: nepraj manĝoj.
La stomako lia ne deziras grenon.
Kaj ni ludu sortobatojn. Jen la stirstangoj.



## Mori (Usono)



### Vivo daŭros...poste

Kiam karuloj
forpasas
unu post la alia
Kaj finfine
Post multaj jaroj
la Anĝelo de l' Morto
aperas ĉe la pordo
anoncante;
Jen la vico estas via
Ne lasu ke paco
mortu en via koro
ĉar poste
la vivo daŭras
en formo
ALIA!




## Cezar (Germanujo)



### Dio, ĉu?

Mi pensas, ke Dio estas
nur solvo embarasa,
malforta hipotezo en nebulo.
Ne pli bone ol ĜI.
Dio ligita al persono
estas nur la respegulo de sociaj faktoj
en hierarkiaj socioj.
Tial afrikaj dioj havas nigrajn nazojn
kaj eŭropaj blankajn.

Por mi la mondo estas miraklo.
Kiel ne miri pri sonarsistemoj
ĉe vespertoj ktp.
Kaj tamen ĉio estas NATURA,
kaj tute ne DIA.

Mi malamegas subigon,
ankaŭ tiun de di-adorantoj.
Religioj ekzistas, ĉar ili
havas sociajn kaŭzojn.
Sed la floro floras
sen iu ajn egoismo.
Jen la diferenco
inter Dio kaj mondo.

Mi preferas florantajn ĉerizarbojn
al enuaj dioj aŭ dubema vivo
en la transmondo.
Mi estas infano de l' kosmo,
ne dia bastardo,
kiu helpu tondri,
se li estos morta.

Mi ne volas vivi eterne,
kiel eterna sklavo
de ĥimeroj.

## Nazaré Laroca (Brazilo)






Mi preferas trinki
La naivajn matenojn,
Kiuj preteratentas
La maljunecan
Puntan haŭton.

Ĉar ili verŝas
Oran lumon
Sur la haŭtsulkojn.

Do mi estas tiel
De mi mem fianĉin',
Kvankam la nokto
Insistadas ronĝi
Ĉiujn sonĝojn miajn.






Jen l' infanaĝo
Surprizanta min
Per delikata muslin',
Nigra-blanke.

Kaj dolĉa mar'
Farita el eternec'
Invadas aeron
Mian el flamoj.

Laŭ la dekjara knabin',
La unua komuni'
Atestas sanktecon.

Kaj la fora rigard'
Stelon videtas
Sur verda ĉielo
Kaj facila vento
Ŝiajn harojn kisas.




Jen ili ĉiuj mortintoj
Ene de l' skatol' el ostoj:
Freneza mister' movebla.

Jen ili ĉiuj blindaj
En egoo-procesio
De l' jarcento formanĝitaj.

Jen ili ĉiuj surdaj,
Sed ili ne estas mutaj
En l' abism' de absurd'.

Ene de galimati'
De furioza mizer',
La kriego ne agresas.




## Vitor Mendes (Brazilo)






(kantteksto)

Vi ne estas plu ĉe mi, ho mia kor'
Jen ke estas nur soleco kaj plorad'
Vin ne eblas al mi vidi

Kial Di' ne volas bridi
Ĉi pasion je invad'?

Estis vi ĉiam la mia vivmotiv'
Vin adori estis mia religi'
En la viaj kisoj trovis
Mi la varmon kiu tostis
mian amon kun pasi'

Jen pri amo-histori'
kaj ĝi solas en la mond'
kaj pro ĝi estis kompren'
Pri la bon' kaj malbon'
kaj lumigis mian vivon
Min lasante en malhel'
Ve al mi en la mallumo'
Sen vi jen ama malŝvel'

Estis vi ĉiam la mia vivmotiv'
Vian adori estis mia religi'
En la viaj kisoj trovis
Mi la varmo kiu tostis
mian amon kun pasi'

Jen pri amo-histori'
kaj ĝi solas en la mond'
kaj pro vi estisi kompren'
Pri la bon' kaj la malbon'
kaj lumigis mian vivon
Min lasante en malhel'
Ve al mi en la mallumo'
Sen vi jen ama malŝvel'



## Siv Burell (Svedujo)



### Unu du tri-ABC

Kara infano, vi havas
mondon kiu tute ampleksas
NUN, ne TIAM, kaj vi savas
la momenton, kiu perpleksas
nin – la “saĝaj plenkreskuloj”.

Konstrui, malkonstrui
ridi aŭ plori
Ni la kapojn povas skui
enigmon esplori:
Kiel vi havas tiom da energi’
Tion fakte ne havas ni.

Forsuĉi la polvon
jen granda plezur’ !
sed ĉu vi havas la solvon
de malinteres’ ,
kiam vi havos dekses ?




## Petro Palivoda (Ukrainio)



### Senparolo

ploregaj okuloj
de vento
silento
de nokt’ senflugila
kaj frapas
sur la fenestron
vortoj
ne enlasitaj
en verson

### Ridetis al mi

Idioto
kaj min salutis.

Stultege
mi skuis kapon
kaj ion balbutis.
Ne scias mi nun,
kiu el ni
pli saĝa estas.



### Rozo

Ŝi sole staris mirigita,
trista kaj malĝoja,
ĉar opiniis, ke ŝi estis
ununure bela,
sed tamen floroj ĉi belecon
ial ne rimarkis…
Kaj ŝi ne sciis: floroj ĉiuj
estas ja reĝinoj.



## Leiela (Meksikio)



### Kiam vi amas

Vi lasas la animon en ĉiu verso,
kaj oni povas moki sin pri via intenco,
kaj estas foje vane, foje nure,
la provo por sekvi, daŭre vekita.

Kaj vekitaj rigardi hororitaj,
kaj scii, ke estas tie fermita loko,
kaj fermita al vi, malpermesita amo,
kaj esti nur por vi, de vi atendita..

kaj pro esti tiele frenezaj, ignorataj,
kaj amanta, ignorataj, malakceptitaj,
kaj akceptante per forta daŭrigado,
kaj sekvi senbride amante.

## Fratoj *García Segura*

### Envio

Envion
en mi vekas tiuj valoj,
tiuj montoj kaj riveroj,
tiuj stratoj kaj kvartaloj
kiuj konis vin sen mi.

Envion
en mi vekas la aero,
viaj aĵoj, via hejmo,
via ombro kaj cetero
kiu staras apud vi.

Kaj tiel min puŝas pasi'
ke mi envias la voĉon,
eĉ se mi nur citas vin.

Envion
en mi vekas la poŝtuko
kiu viŝis larmon vian,
ĉar min pelas sento tia
ke envie mi adoras vin.

Kaj tiel min puŝas pasi'
ke mi envias la voĉon,
eĉ se mi nur citas vin.

Envion
en mi vekas la poŝtuko
kiu viŝis larmon vian,
ĉar min pelas sento tia
ke envie mi adoras vin.

Envio,
envio,

mi envias
ĉar mi amas vin.

*Tradukis*



## Svena Dun (Hispanujo)

# Mikrorakonto

## Lin Mu (Ĉinujo)

### Surprizo

En lia laborteamo troviĝas tri inoj, unu el kiuj tiel plaĉas al li, ke li kroĉas sian penson al ŝi tagnokte. Sed al liaj sugestio kaj incitetoj ŝi restas indiferenta. Kvankam tio multe ĉagrenas lin, li tamen ne volas rezignacii.

"Ĉefo, mi invitas vin al vespermanĝo," ŝi flustris al li antaŭ ol fini la labortago. Kaŝita ĝojo fulmis tra lian koron. Li haste demandis, "Kie?"

"Mia edzo forestas. Do ĉe mia hejmo." Tio, kion ŝi diris, precipe tiuj vortoj "Mia edzo forestas", ekscitis lin treege. "Bone, mi certe iros por la vespermanĝo. Kiel bona ŝanco!"

Frotante per ambaŭ manoj, li paŝis tien kaj reen en la oficejo, kun pli kaj pli ardantaj ondoj en la koro. Tuj post laborhoroj, li senpacience rapidis al ŝia hejmo. Kun streĉiteco kaj ekscititeco, li frapis je la pordo.

"Envenu. La pordo ne estas ŝlosita," aŭdiĝis ŝia voĉo el interne. Ĉe tio li tuj sentis ondon da ĝojo.

"Kie estas vi?" li gapis al la malluma ĉambro.

"Mi troviĝas en la ĉambro. Kiam vi eniros, mi donos al vi surprizon." Ŝia voĉo ĵetis lin en grandan ekstazon. Li jam brulis de senpacienco.

"Envenu!" Ĉe tio, li senceremonie puŝmalfermis la pordon.

"Jen mi venas…" Antaŭ ol li finis sian parolon, la lampo subite lumiĝis en la ĉambro.

En la ĉambro troviĝis multaj homoj, ĉiuj liaj kolegoj. Ili ridete alrigardis lin kaj ĥore ekkantis "Gajan naskiĝtagon al vi".

Tamen li neniam sentis gajecon, sed male embarason, kaj li volus sin ŝovi sin en fendeton sur la tero, ĉar li eniris demetinte siajn vestojn.

## Savatore Adamo (1943-)



### Bonvolu vi Sinjor'

Fraŭlinoj kiom belas vi!
Sed hodiaŭ 'stas bal de l'deculoj
For al pensoj de sentaŭguloj
Rajtas al geum' ne pensi ni.
Al patr' nepre petu permeson
Flegas ĝentilan sintenon ni
Sed frandemulojn malfidas li
Zorge metas decrimenon li

Bonvolu vi Sinjor'
Al mi prunti la filin'-on
Sed malgraŭ la rid'-o
Mi ja sentas pri malfid'-o.
Bonvolu vi Sinjor' ?
Ni promesas esti brav'-aj
Kiom estis vi samaĝ'-aj
Kiam tuj geedziĝont'-aj

Spit' metron inter ni disigas
Ŝvebas ni sur violin-geum'
Konfesite ni kaŝe ridas
Vide ilin gvati tra nazum'

Bonvolu vi Sinjor'
Al mi prunti la filin'-on
Sed malgraŭ la rid'-o
Mi ja sentas pri malfid'-o.
Bonvolu vi Sinjor' ?
Ni promesas esti brav'-aj
Kiom estis vi samaĝ'-aj

Kiam tuj geedziĝont'-aj

Kioma am' manojn presigas !
Kioma fervor en kor' al vi !
Gepatra rigard' detenigas,
Sed en tenero nin banas ni

Bonvolu vi Sinjor' (ktp)
(2 foje)

*Esperantigis*



**Roland Platteau (Francujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



## Ruĝa ĉapeleto

(germana fabelo)
—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Antaŭe
vivis knabino
obeema kaj saĝa
kun kara aminklino
jen al l' avino.

L' avinjo
per ruĝa velur'
trikis belan ĉapelon
por sia nevino nur
je ŝia plezur'.

De tiam
la knabin' ne plu
surportis la ĉapelojn
aliajn kun ajna ĝu'
krom tiu ĉi nu.

Oni do
alinomis ŝin
la "ruĝa ĉapeleto",
kara nom' por la knabin'
kaj amo sen fin'.

Patrino
al ŝi tenere
iutage ordonis,
"Kara, avinj' sufere
malsanas vere,

vizitu
ŝin ja konsole
jen kun kukoj kaj vino.
Ŝi vivadas izole
sed malmolkole."

Ankaŭ ŝi
diris averte:
"Lup' troviĝas arbare.
Vin gardu sen-inerte
evitu lerte."

Arbare
lupon hazarde
la knabino renkontis.
Ŝi ne konis rigarde
ĝin, jam sengarde.

Salutis
Ĝi ŝin intime:
"Bonan matenon, kara!
Kien iri sentime?
Ĉu malproksime?"

Respondo
venis rapide:
"Mi iras al avinjo.
Morb' ŝin kaptas inside
kaj tre perfide."

La lupo
ĉuis raŭksone:
"Kio estas en la korb'?
Kukoj faritaj bone

de panj’ sindone?”

La knabin’
diris fiere:
"Jes ja, kukoj kaj vino
por avinjo sincere!
Vi pravas vere.”



"Do kie
ŝi loĝas nune?”
Lupo demandis ruze,
"Se estas oportune.
ni iru kune.”

Ĝin trafis
ide’ alia:
"Mi iros antaŭ l’ knabin’
por ŝajnigi min pia
avinjo ŝia,

tiel ke
mi manĝos ĝue
la etulinon ĉarman.
Do mi iru pli frue,
agu senbrue.”

Ĝi frapis
je l’ pordo forte.
"Kiu?” ĉuis l’ avino,
"Mi kuŝas malkomforte.
Enen tra-korte!”

Post enir’
ĝi manĝis per vor’
la oldulinon tute,
enlitiĝis kun fi-vol’,
kiel avin-rol’.

Alvenis
knabin’ senĝene.
Ŝi tra nefermita pord’
eniris ĝojmiene
kun korb’ manprene.

"Saluton,
avinjo kara!
Kiel malsano statas?”
Sonis voĉ’ familiara
kaj vere klara.

La lupo
salutis ĝeme,
kvazaŭ olda malsanul’,
zumis ion subpreme
trakorpe treme.

"Avinjo,
kial havas vi
tiel grandajn okulojn
kun verd-glimanta radi’
kiel arb-foli’?"



"Por bone
vidi vin klare!”
"Kial kun orelegoj?”
"Por aŭdi vin senbare
kaj senerare!”

"Do kial
longajn brakojn vi
havas, kara avinjo?”
"Volas brakumi vin mi
jen kun energi’."

"Kaj buŝo
tiel granda, nu,
pro kio do, avinjo?”
"Por formanĝi vin kun ĝu’

tute sen sang-flu'!"

Dirinte,
la lup' el la lit'
saltis kaj formanĝis ŝin.
Ĝi rekuŝiĝis per glit'
ĝoja pro l' merit'.

Ĉasisto
tie nefore
alvenis al la domo
por saluti ĉihore
avinon kore.

La lupon
li vidis ene
en ŝia lit' kuŝanta,
ĉion eksciis plene,
ekpensis jene:

se mi ĝin
pafos en malord',
mi vundos l' oldulinon
en ĝi, eble eĉ ĝis mort'
per malbona sort';

se mi ĝin
distranĉos tute,
mi elsavos ŝin viva
kaj forigos ĝin lude
nur triminute.

Dirite,
farite. L' knabin'
kaj avino saviĝis.
Ĉiuj kore dankis lin
kaj laŭdis sen fin'.

Nu, knabin',
estu en singard'
post mizera lecion',
pene pensu antaŭ salt'
por pli bona fart'.

## Jadranka Miric (Serbujo)



## Morto de kolombo

—laŭ ĉinesko Sopira-al-sudo*
Belega
kolomboparo.
Kunflugado tra nuboj.
Koncertoj kun birdaro.
Ĉiam en aro.

Feliĉa
kolombumado.
Sunbrilo en okuloj.
Floranta korkantado.
Dum flugsurfado..

Ĉielo
kiel senfino.
Trovi ruĝajn tegmentojn .
Neston fari por ino.
La kolombino.

Rendevu`
inter branĉaro.
Subita sunsubiĝo.
Surtere gvatis bestaro.
Ve,birda paro.

Ekfalo.
Bruoj kaj krioj.
Venko de migra kato .
Forflugis alten birdoj.
Malgajaj perdoj!

## Al Novnaskito

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*
Finfine,
naskiĝo via.
Ebrieco konscia.
Kia feliĉo nia
kaj familia!

Tranokto
sendorma,paca.
Maltrankvileco regis.
Mateno iĝis laca.
Kri` senminaca.

Heliĝis.
Ha,dolĉa ploro.
Akcepta ĝentileco.
Kaj flora bonodoro.
Paco en koro.

Infano!
La tria ido!
Bonvenon al andrejo!
Jen,larmojn ŝanĝis rido
pro forta ido.

Gratulon!.
Tostu al filo!
Vivu,vivu,andrejo ,
kara nepo kaj filo.
Ĉarma trankvilo.

*Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

# Maupassant (1850-1893)






La kastelo, en malnova stilo, situas sur arbkovrita monteto ; grandaj arboj ĉirkaŭas ĝin de malluma verdaĵo, kaj la senlima parko etendas siajn perspektivojn jen sur la profundaĵoj de la arboro, jen sur la ĉirkaŭaj landoj. Je kelkaj metroj de la fasado, baseno el ŝtonoj estas kavigita, en kiu oni ekvidas banantajn sinjorinojn el marmoro ; aliaj etaĝigitaj basenoj sin intersekvas ĝis la piedo de la monteto, kaj kaŝita akvofonto faras kaskadojn de unu al alian. De la nobeldomo, kiu afekte manieras kiel ekstermoda koketulino, ĝis la grotoj inkrustitaj per konkaĵoj, en kiuj dormetas statuetoj de Eroso de alia jarcento, ĉio en tiu antikva bienego konservis aspekton de malnovaj tempoj ; ĉio ŝajnas ankoraŭ paroli pri la malnovaj kutimoj, la iamaj moroj, la pasintaj galantaĵoj kaj la delikataj belaĵoj, en kiuj manifestiĝis niaj avinoj.

En eta salono, en la stilo de Ludoviko la 15-a, kies muroj estas kovritaj per spritflirtantaj ŝafistoj kun ŝafistinoj, per belaj sinjorinoj kun krinolinoj, kaj galantaj frizaj sinjoroj, iu tute maljuna virino, kiu ŝajnas mortinta kiam ŝi ne moviĝas, estas preskaŭ kuŝinta en granda brakseĝo, kaj lasas pendi ĉiuflanke de la sidilo siajn ostecajn manojn de mumio. Ŝia senbrila rigardo perdiĝas fore tra la kamparo, kvazaŭ por sekvi tra la parko vidaĵojn de ŝia juneco. Iafoje, tra la malfermita fenestro, aerblovo alportas herbajn aromojn kaj parfumojn de floroj, ĝi flirtigas ŝiajn blankajn harojn ĉirkaŭ ŝia sulkiĝinta frunto, kaj maljunajn memoraĵojn en ŝia koro.

Apud ŝi, sidanta sur tabureto tegita per veluro, junulino, kun longaj blondaj haroj, kiuj plektaĵe falas surdorse, brodas altaran ornamaĵon.

Ŝi havas revemajn okulojn, kaj dum laboras ŝiaj lertaj fingroj oni vidas, ke ŝi meditas.

Sed la avino turnas la kapon, kaj diras :

- Berta, bonvolu do iom legi al mi la gazetojn, por ke mi eksciu ankoraŭ iom kio okazas en tiu mondo. La juna knabino ekprenis gazeton kaj rapide pririgardis ĝin :

- Ene estas multe da politiko, avinjo, ĉu mi devas preterpasi ?

- Jes, jes, karulinjo. Ĉu ene, ne estas amhistorioj ? Ĉu do, en Francio, la galanteco estus mortinta, nun oni priparolas plu pri nek

forraboj, nek bataloj por la sinjorinoj, nek aventuroj kiel antaŭe !

La junulino serĉis longtempe.

- Jen, ŝi diris, tio titoliĝas : " Amdramo ".

La maljunulino ridetis en siaj sulkoj.

- Legu tion al mi, ŝi diris.

Kaj Berta eklegis.

Temis pri vitriolhistorio. Sinjorino, por sin venĝi kontraŭ la amorantino de sia edzo, bruligis al ŝi la du okulojn per vitriolo. Ŝi eliris el la asiza tribunalo absolvita, senkulpigita, gratulita, aplaŭdita de la homamaso.

La avino moviĝadis sur sia sidilo kaj ripetis :

- Estas terure, sed tio estas terura ! Trovu do al mi alian aferon, karulinjo.

Berta serĉis kaj pli fore, ĉiam en la rubriko rilata al la tribunaloj, trovis kaj eklegis : " Obskura dramo. " Junulino, kies virgeco estis pli ol nekontestebla, sin lasis fali inter la ungegojn de juna viro, kaj por sin venĝi kontraŭ tiu ĉi, kies koro estis nefidebla kaj rento nesufiĉa, pafis lin revolvertuŝe kvarfoje.

Du kugloj restadis en la brusto, unu en la ŝultro, kaj la lasta en la kokso. La knabo restos kripligita por la cetero de sia tuta vivo. La junulino estis absolvita kun la aplaŭdadoj de la popolamaso, kaj la gazetoj tre malbone traktis tiun deloganton de cedemaj virgulinoj.

Tiufoje la maljuna avino ribelis komplete, kaj kun tremanta voĉo prononcis :

- Sed nuntempe vi do frenezas, vi frenezas. La bona Dio donis al vi amon, la nuran delogon de la vivo ; la homo miksis al tio la galantecon, la nuran distron de niaj ekzistadoj, kaj al tio jen vi almetas vitriolon kaj revolveron, kvazaŭ oni metus koton en flakonon da franca vino…

Berta ne ŝajnis kompreni la indignon de sia avino.

- Sed, avinjo, tiu virino sin venĝis. Pensu do, ŝi estis edziĝinta, kaj ŝia edzo adultis.

La avino ektremis :

- Kiajn ideojn oni donas al vi, la nuntempaj junulinoj ?

Berta respondis :

- Sed, avino, la geedziĝo estas io sankta.

La koro de la avino, naskiĝinta dum la granda galanta jarcento denove ektremis :

- Estas amo kiu estas sankta, ŝi diris. Aŭskultu, knabineto, iun maljunulinon kiu travivis tri generaciojn, kaj kiu bone, bonege konas la virojn kaj la virinojn. Ĝeedziĝo kaj amo tute malsimilas unu la alian. Oni geedziĝas por fondi familion, kaj oni formas familion por konstitui la socion. La socio ne povas seniĝi je la geedziĝo. Se la socio estus ĉeno, ĉiu familio estus unu el la ringoj.

Por kunfandi tiujn ringojn, oni ĉiam serĉas similajn metalojn. Kiam oni geedziĝas, necesas unuigi la konvenecojn, kombini la riĉecojn, kunigi la similajn gentojn, labori por la komuna intereso, kiu estas la riĉeco kaj la infanoj. Oni edziniĝas nur unufoje, karulineto, tial ke la mondo postulas tion ; sed oni povas ami dudekfoje dum sia vivo, ĉar la naturo faris nin tiel. La geedziĝo ! Tio estas leĝo, kompreneble, kaj amo, estas instinkto, kiu puŝas nin jen dekstren, jen maldekstren. Oni kreis leĝojn, kiuj batalas kontraŭ niajn instinktojn, estis necese ; sed la instinktoj ĉiam estas la pli fortaj, kaj oni malpravas kontraŭstari ilin, ĉar ili devenas de Dio, dum la leĝoj devenas de la homoj.

Se oni ne spicus la vivon per amo, kiel eble plej per multe da amo, karulinjo, kvazaŭ por la infanoj oni enmetas sukeron en la drogojn, neniu volus akcepti la ekzistadon, kiel ĝi estas.

Berta, konsternita, rigardante la avinon per siaj grandaj mirigitaj okuloj murmuris :

- Ho ! Avinjo, avinjo, oni povas ami nur unufoje !

La avino levis al la ĉielo siajn tremantajn manojn kvazaŭ por peti helpon de la forpasinta dio de la galantaĵoj.

Indigna, ŝi ekkriis :

- Vi fariĝis nenobela raso, triviala raso.

De post la Revolucio, la mondo ne estas plu rekonebla. Vi uzas gravajn vortojn por ĉio ; vi kredas al la egaleco kaj la eterna pasio. Homoj versas por diri al vi, ke oni mortas pro amo. En mia tempo oni versis, por ke ni lernu ami multe. Kiam nobelo plaĉis al ni, karulineto, oni sendis al li paĝion. Kaj kiam nova kaprico alvenis al nia koro, ni forpetis nian lastan amoranton, krom se ni konservu ambaŭ.

La juna knabino, tute pala, balbutis :

- Ĉu en tiu epoko la virinoj ne havis honoron ?

La maljunilo eksaltis :

- Ne honoron ! Ĉar ni amis, ke tion ni aŭdacis diri kaj eĉ ni fanfaronis pri tio, ĉu ? Sed, karulineto, se unu el ni, inter la plej gravaj sinjorinoj de Francio, restintus sen amoranto, la tuta kortego mokus nin. Kaj vi imagas al vi, ke viaj edzoj amos vin dum sia tuta vivo, ĉu ? Vere, kvazaŭ tio eblus !

Mi diras al vi, ke la geedziĝo estas necesa afero, por ke vivu la socio, sed ĝi ne estas en la naturo de nia gento, ĉu vi bone komprenas ? En la vivo, estas nur unu bona afero, kaj tio estas amo, kaj oni volas senigi nin pri tio. Nun oni diras al ni : " Vi devas ami nur unu viron ", kiel se oni volus min trudi, ke mi manĝu dum mia tuta vivo nur meleagron. Kaj tiu viro havus tiom da amorantinojn, kiom estas monatoj en unu jaro !

Li sekvos siajn galantajn instinktojn, kiuj puŝas lin al ĉiuj virinoj, kiel la papilioj vizitas ĉiujn florojn ; kaj, tiam mi elirus sur la stratoj kun vitriolo en botelo, kaj blindigus la kompatindajn knabinojn, kiuj obeus al la volo de ilia instinkto… Mi ne venĝus min kontraŭ li, sed kontraŭ ili… Mi farus monstron. Mi farus monstron de kreitaĵo, kiun la bona Dio kreis por plaĉi, por ami kaj por esti amata…

Via hodiaŭa socio, via socio de kampuloj, burĝoj, parvenuaj lakeoj aplaŭdus min kaj absolvus min. Mi diras al vi, ke tio estas malnoblega, vi ne komprenas amon ; kaj mi estas kontenta morti preferinde, ol mi vidu mondon sen galantaĵoj kaj virinojn, kiuj ne scias plu ami.

Nun vi prenas ĉion serioze ; la venĝo de la senhontulinoj, kiuj mortigas siajn amorantojn, venĝo kiu plorigas pro kompato dek du burĝajn ĵurianojn kunvenigitajn por esplori la korojn de la krimuloj. Jen via saĝeco, via prudento, ĉu ? La virinoj pafas la virojn kaj poste plendas pro tio, ke ili ne estas plu galantaj !

La junulino enmane ekprenis la sulkiĝintajn manojn de la maljunulino :

- Silentu, avinjo, mi vin petegas. Kaj surgenue, kun larmoj en okuloj, ŝi demandis al la ĉielo grandan pasion, nur unu eternan pasion, laŭ la nova revo de la romantikaj poetoj, dum la avino kisis sian nepinon sur la frunto, ĉiam profunde konvinkita de tiu ĉarma kaj sana saĝo, kies galantaj filozofoj plenigis la dekokan jarcenton. Ŝi murmuris :

- Atentigu vin, kompatinda karulinjo, se vi kredas pri tiaj frenezaĵoj, vi estos ja malfeliĉa.

La 13-an de septembro 1880

*Elfrancigis*

**Noĉjo Lagrafo (Francio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto, Chongqing, 400020, Ĉinio

Tel: (023) 67095890 (hejme)

Retadreso: vejdo@163.com

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_